# LA GAZETO

## ENHAVO



**LANDNOMOJ : OFICIALA INFORMO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO • BALDUR RAGNASSON : "NEPRE MANKAS IU ORGANO AL LA AKADEMIO "**

numero 2. 31JAN86

L A   G A Z E T O
sessemajna kleriga periodaĵo de la
MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ
por disvolvigo de la esperantista kulturo

Eldonas:
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro:
Eugène de Zilah

Redakta Komitato:
M F K A - 002 - METZ

Grafikisto:
Daniel Nonnenmacher

Fotisto:
Edgar de Zilah

Makedisto:
Pascal Block

Adreso de la redakcio
kaj administracio :

L A   G A Z E T O
39, rue Joseph Hénot
F - 57070 M E T Z

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F - 57000 M E T Z
pĉk. 762 79 P NANCY

Abonprezoj:
- 1 jara (6 numeroj) : 12 ekuoj;
- 2 jara (12 numeroj) : 21 ekuoj;
- 3 jara (18 numeroj) : 29 ekuoj.

LA GAZETO ne aperas dumsomere.

Anoncoj:
1/4 da paĝo = 40 ekuoj.

Grupoj de MFKA rajtas
anonci senpage.

Recenzoj:
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la Redakcio.

ABONPREZOJ LAŬ LANDOJ

Se vi ne povas **poŝte** ĝiri, aŭ sendi **poŝtmandaton** bonvolu skribi al LA GAZETO, ni sendos al vi fakturon, kaj klarigos al vi kiel oni povas aboni el via lando (eĉ se ne pagipova). Por ke vi havu ideon pri la abonkotizoj, jen la prezoj de unujara, dujara kaj trijara abono en via nacia mono :

* A=184/322/445As * B=535/936/1293Bs * BG=10/-18/25BGs * CDN=15/26/36CDNs * CH=22/39/53CHs * D=26/46/63Ds * DK=96/168/232DKs * DZ=49/86/-119DZs * E=1600/2900/3900Es * F=80/141/194Fs * GB=7/13/18GBs * GR=1600/2700/3800GRs * H=490/-860/1200Hs * I=17900/31000/43000Is * IL=15000/-26000/36000ILs * IS=420/740/1000ISs * J=2100/3700/-5200Js * L=535/936/1293Ls * MA=100/175/242MAs * N=81/141/195Ns * NL=30/52/72NLs * P=1680/2950/-4070Ps * PL=1520/2670/3680PLs * S=81/142/196Ss * SF=57/99/137SFs * SU=8/14/19SUs * TG=4000/7000/-9700 * TN=8/14/19TNs * TR=5700/9900/13700TRs * USA=11/19/26USAs * YU=3000/5300/7300YUs

**ABONU PER SIMPLA LETERO !**

**La Gazeto**
**39, rue Hénot**
**F-57070 Metz**
**Francio**

Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# NIA LINIO



*Eugène de Zilah*

Ĉe ni ĉiuj ekzistas aro de ideoj organizitaj, kiujn ni konsideras pli veraj ol aliaj aroj de ideoj. Tio signifas, ke parolante, aŭ verkante, ni ĉiuj estas "tendencaj". Nur frenezulo, kiu ne kapablas organizi siajn ideojn, povus, eble, esti "netendenca", ĉar liaj ne logike organizataj pensoj dispafiĝadas laŭ la determinoj de lia mensa malsano. Do vi ne miru, ke **LA GAZETO**, kiel la ceteraj ĵurnaloj, havas propran linion, ke ankaŭ ĝi estas "tendenca". Gravas nur koni nian tendencon, neniam ĝin konsideri definitiva, ĉiam preti endubigi ĝin kaj, se necesas, ĝin ŝanĝi. Cetere "linio" aŭ "tendenco", pro ĝiaj psiĥologiaj aŭ filozofiaj bazoj, neniam estas tute eldirebla; oni ĝin sentas multe pli bone ol oni ĝin komprenas. Mi, en ĉi tiu limigita spaco, povas elmeti antaŭ vin nur kelkajn principojn. Poste, respondante al viaj leteroj, mi esperas, ke la afero laŭprogrese pliklariĝos en la venontaj numeroj.

La unua principo estas nia **valorigo de Esperanto.** Ni taksas Esperanton kultura valoraĵo de la tuta homaro, kaj la esperantistaron reala grupo, kies devo kaj honoro estas pluporti, plibonigi, disvastigi la entenantan valoraron de Esperanto. Ĉi tiu laboro postulas la liberojn de la pensado, verkado, eldonado kaj instruado. La fama aŭstra filozofo Popper sufiĉe pruvis, ke en socio, kie ne povas ekzisti ideokonfliktoj, devige ekaperas konfliktoj inter homoj. Ni ne devas akcepti, ke la esperantista kultura kumunaĵo fariĝu unuanimisma, unupartiisma, unucentrisma, totalisma grupo ĉar se ni akceptas tion, ni ankaŭ akceptas la elsekigon de ĉiuj energifontoj, el kiuj fontas nia movado. Ni devas rifuzi la tro danĝerajn protektadojn de ĉiuj naciŝtatoj, politikaj partioj, rasoj aŭ religioj, sed doni rajton, inter ni, al ĉiuj eldiri siajn opiniojn pri ĉi tiuj ŝtatoj, ideologioj, rasoj aŭ religioj. Ni estos toleremaj; la homoj rajtas erari kaj pravi. Nur tiuj povas erari, kiuj ion faras. La toleremo ne estas akceptadi ĉies opiniojn, kio cetere ne eblas, sed preti aŭskulti ĉiujn, kaj degni respondi al argumentoj per argumentoj, malestimante insultojn kaj kontraŭhoman propagandan retorikon.

Ĉi tio kondukas nin al nia dua principo : **la aktiva neŭtralismo.** Ĉi tiun principon povas rekte kompreni ĉiuj civitanoj de liberaj kaj neŭtralaj ŝtatoj. Ĝi signifas, ke ni ĉiam agu laŭ la interesoj de Esperanto, samkiel la diritaj ŝtatoj agadas laŭ siaj interesoj. Esperanto ne estas, por ni, rimedo por propagandi kaj realigi ajnan ideologion, religion, ŝtatpotencon, ĉar ĝi havas propran valoraron kies realigo estas la unua devo de Esperantistaro. Kial ne diri, vi ja komprenis, ke Esperanto estas por ni multe pli ol la Internacia Lingvo, kaj ĝi havas ideologian, spiritan kaj moralan enhavon. Ideologoj, kiuj kontrolmastras preskaŭ ĉiujn eldonaĵojn en Esperanto, klarigos por vi la malon, sin apogante sur la oficiala "scienco" aŭ dogmaro marksisma, katolika, islama aŭ alia, en kies rimedon ili volas transformi Esperanton. Naivulo, kiu eĉ ne komprenas, ke oni ne povas samtempe esti materialisto kaj racialisto, bonege elmetis, en marksisma gazeto, la papagaĵojn, kiujn oni voladas parkerigi al la esperantistaro : ...Esperanto estas nur lingvo, simpla rimedo de praktika komunikado kaj helpileto de pacemaj organizaĵoj kaj ŝtatoj, kiuj (ili) vere bataladas por la malarmado, kontraŭ la malsato kaj aliaj plagoj de la homaro. Nu, ni ne opinias, ke Esperanto estas nur rimedo de alia ideologio aŭ potenco. Male, ni opinias, ke se la Internacia Lingvo ne forsvenis, kiel la aliaj planlingvoj, tion ni ŝuldas al kohera valorsistemo de la esperantistaro, en aliaj vortoj : al la ekzisto kaj daŭra kreskado de la Esperanto-kulturo. Do **aktiva neŭtralismo** ne signifas ne havi politikajn, religiajn, naciajn opiniojn, ĝi ankaŭ ne signifas la timon eldiri ilin en Esperanto, sed ĝi signifas la rifuzon foroferi la esperantismon por alia idealo. Nome, ĝi signifas la defendadon de ĉiuj



# LETEROJ

esperantistoj, kiuj, ie ajn en la mondo, estas persekutataj pro sia esperantismo, la diskonatigon de verkoj, kiujn totalismoj volus kaŝi al siaj submetitoj por unuecigi la mensojn, la kontraŭstaradon al ĉiuj provoj falsigi nian historion kaj, ĝenerale, la defendadon de ĉies rajto al la diferenco.

La tria principo elvenas, cetere, el ĉi tiu rajto al la diferenco. Ĝi estas : **neniam esti reakcia**. Esti reakciulo signifas esti tiu, kiu neniam agas, sed ĉiam "reagas" al io. Reakciulo ne havas propran opinion, li nur klopodas kontraŭstari la opinion de alipensuloj. La Zamenhofa neŭtrala Esperanto-movado volas elmeti siajn valorojn kaj ne devas perdi sian tempon kaj fortojn en sterila kritikado de aliuloj. De Zamenhof ĝis hodiaŭ, ĝi ĉiam agis tiel, ni volas plidaŭrigi ĉi tiun sintenon. Do ni ne kontraŭstaradas sisteme al iuj, nek al komunistoj, nek al islamanoj, nek al kristanoj, nek al nigruloj, nek al blankuloj, nek al tiuj, kiujn mi ne povas ĉi tie elnombradi pro manko da loko. Pro tio, nia

kvara principo estas **disponigi la plej ampleksan forumon** al ĉiuj sinceraj esperantistoj, kiuj havas iun ideon por progresigi Esperanton, sen postuli, ke ili apartenu al tia aŭ alia organizaĵo, raso, partio, nacio, religio aŭ moralo. Ĉiuj veroj estas direndaj, diskutindaj kaj diskuteblaj. Neniu organizaĵo ekzistanta aŭ ekzistonta estas posedanto de Esperanto, neniu el ili havas monopolon de la vero. Ni do rajtas kaj devas,

ĉi tiu estas nia kvina principo, **kritiki kaj elmeti ĉion, kio endanĝerigas la movadon**, eĉ se tio ĝenas kelkajn esperantistojn, kiuj opinias, ke nia feliĉo estus la sankta unueco sub la varma kaj frateca regado de Sovetio kaj ĝia glora Partio, aŭ sub la gvidado de la ununura vera Irana Islamo kaj ĝiaj heroaj mulaoj, aŭ sub la disciplino de iu Sudamerika "respubliko" kaj ĝiaj honormoŝtaj generaloj, aŭ sub la direktado de Ajno kaj ĝiaj laŭdindegaj Uloj. Sed oni nepre ne miskomprenu nin! Komunistoj rajtas komunismi, islamistoj islamismi kaj generaloj generali, eĉ se ili estas samtempe Esperantistoj. Laŭlinie ni neniun politikan aŭ religian sistemon kontraŭstaradas. Ni simple opiniadas, ke estas kontraŭe al interesoj de Esperanto se esperantismaj organizaĵoj dependas de ŝtato, nacio, partio, religio, klaso aŭ raso. Ni diras, ke neniu rajtas enmiksiĝi en niajn aferojn kaj ni devas disvolvigi, pliampleksigi nian kulturan komunaĵon memstare laŭ la demokratia volo de ĉiuj esperantistoj.
Kun via helpo ni klopodos realigi liberan forumon sur kiu, el interbatado de ĉiuj sinceraj opinioj, eble elsparkos la veroj.

*Eugène de Zilah*

---




*S-ro **Wolfgang Gunther, (D)***

*...multan dankon pro la neatendita alsendo de nova periodaĵo, grafike plaĉa kaj laŭenhave sufiĉe interesa, ke ĝi valoras "provan" abonon! Do, mia edzino, Charlotte Beller-Günther, abonis ĝin per separita letero. Mi ĉi-letere kuraĝas fari kelkajn aldonendajn kritikaĵojn.*

*1. Mi absolute avertas vin pri la senkritika uzo de la nocio "paco en libereco" en la tendenca propagandado de la gazeto; mi ja scias, ke ĉi tiu esprimo estas favorataĵo de estimata prof. Lapenna. Limigo de "libereco" ene de la homara agado estas tiom urĝa pro la fakto de simpla postvivado, ke la akceptemo de ekologie ne amendita "Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj" fakte ne plu eblas. Diri "Neniu volas la liberecon de sovaĝaj bestoj" (p.7) fakte estas erara, almenaŭ miskomprena kaj ŝajne pacigema eldiraĵo. La jure, ankaŭ homrajte, fiksita libereco de la homaro fakte estas "pli detruema" kaj rezultigas "pli sovaĝajn" malbonfarojn rilate la ĉi-planedan vivon (kaj kunvivadon) ol la "simpla" libereco de la sovaĝa naturo. "Ni nepre devas scii kion implicas nia volo" vi diras (p.7). Bone! Homajn Rajtojn, liberecon kiel pravigilon de "profit"-koncerna pensado kaj agado (= kapitalisma ideologio), kiu neeviteble kaj intertempe antaŭenkalkuleble plenekspluatadas, plenkonsumadas kaj plenpoluciadas, fine plendetruadas, nian porvivan bazon, la Terglobo ne plu povas elteni. Per tio la misuzo de la Homaj Rajtoj far'de totalismaj sistemoj ne estu pravigata, sed relativigata! Homo kompreneble ne rajtas malliberigi homon, sed same ni ne rajtas estingi la vivon do, finfine la tempo venis paroli pri "Porvivaj Rajtojn" aŭ "Vivkoncernaj Rajtoj" anstataŭ "Homaj Rajtoj". Vi certe komprenas kion mi celas. Se tiuj, kiuj nun tiom favore kaj fervore (kaj sincere, koncedite!) defendas la Homajn Rajtojn, ne ekpretos kaj fine kapablos kaj sukcesos adekvatigi la Homajn Rajtojn*

*ai la ekologiaj devigoj de la tutvivara terglob-sistemo, precipe rilate la eg-detrueman misuzon de la nocio "libereco" sur la kampo de ekonomiado (laù la moto "Progreson ni determinas kaj laù tio ĝi estas la ĉiumetoda kaj profitdona altrudado de industrialismo al ĉiuj!"), la Homaj Rajtoj laù la kompreno de la "paco-en-liberec"-uloj neniel, nenial kaj neniom pli taùgas por vivinda kaj digna estonto de la homaro ol laù la kompreno de la orientaj (= sovetismaj) "paculoj". Gazeto, kiu daùre prisilentas ĉi tiun aspekton de la "Homaj Rajtoj", finfine ne valoras subtenon, ĝi fakte estas kontraùviva!*

*2. Mi ne aprobus tendencojn kulti personojn kaj laùdi sin mem (p. 5, 7) /.../ . Mi ŝatas memorigi vin ĉi konekse pri la psikologia leĝo, ke ĉiam "deficitoj estas la patrino de ekscesoj". La naùziga efiko de troigoj finfine turnos la ĝeneralan opinion kontraù vin kaj restos nura memkontentigo de "neplibonigebla" kerna grupo.*

*3. La sama validas rilate simpligajn karakterizaĵojn de alipensuloj (p. 11), eĉ se temas pri la eterne tiklaj punktoj de "UEA" kaj "la puĉo de Hamburgo". Ni fakte ne bezonas tendencigan gazeton! Lasu la faktojn kaj argumentojn prezenti la veron. Vi ja elmontras sufiĉon da kvalito! /.../*

**LA GAZETO** : Ni zorge trastudis viajn kritikojn kaj trovas ilin pravaj, almenaŭ laŭ ekstera vidpunkto de tiu, kiu nur povas vidi tekstojn kaj ne povas (pro mallertaĵoj en la tekstoj!) diveni ĉiujn intencojn kaj signifontaĵojn de la skribinto.
Sekve, en la venontaj numeroj, estos artikoloj (inter ili la via), el kiuj evidentiĝos, ke la eldiro, laŭ kiu "neniu volas la liberecon de sovaĝaj bestoj" ne estas senenhava paciga frazo, sed ja aserto, ke homa estaĵo ne povas vivfeliĉi sen justaj leĝoj. Granda estas la distanco inter libereco kaj ĉionfarebleco aŭ senleĝeco.
La klasika koncepto de la libereco estas la taŭgigebleco inter la volo kaj la racio, aŭ la volonta submetiĝo al memelektitaj leĝoj. Nia espero estas, ke la Atena IK pliklarigos niajn fundamentajn ideojn pri la paco, la libereco kaj la rilatoj dezirindaj, aŭ akcepteblaj, inter ili.

***Gemma Rassouw, (F)***

*Kun plezuro mi legis la provnumeron de LA GAZETO. Mi opinias, ke tia gazeto estas necesa /.../. Via programo estas vere alloga, sed servi la Esperantistaron* ***sensektece*** *kaj* ***neùtrale;*** *ĉu vi scipovas efektivigi tion? Mi jam multe aùdis tiun vorton* ***neùtraleco,*** *ĉu homo povas aserti sin n e ù t r a l a ? /.../.*

**LA GAZETO** : Vi starigas fundamentan demandon por la tuta Movado, kiu akompanas ties historion ĉu en pozitiva aŭ en negativa senco de ties komenco. En la ĉefartikolo de ĉi tiu numero : NIA LINIO, ni strebas almenaŭ parte respondi ankaŭ je tiu dilemo. "Neŭtralecon" ni ne konfuzu kun "objektiveco" kaj "justeco". Tio estas malsamaj aferoj. Ĝenerale eĉ Zamenhof mem uzis almenaŭ en dek diversaj cirkonstancoj la nocion : **neŭtrala** kun ĉiuj eblaj, ofte nebulaj sencoj. Foje eĉ difinis neŭtralecon nur kiel aferon de takto, do metis absolute moralan kategorion al tiu nocio. Kiel vi vidas, la afero ne estas tro simpla nek por vi, nek por ni. Sed tio ne signifas, ke ĝi estos nesolvebla. En iu proksima numero de LA GAZETO ni revenos al tiu problemo.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **3** | 16 | 9 | 22 | 15 |
| 20 | 8 | 21 | 14 | **2** |
| 7 | 25 | 13 | **1** | 19 |
| 24 | 12 | **5** | 18 | 6 |
| 11 | **4** | 17 | 10 | 23 |




**neniu gajnis premion !**

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **1** | m | o | n | d | a | ■ | a | f | e | r |
| **2** | i | l | i | a | d | o | ■ | e | s | e |
| **3** | l | i | t | v | ■ | f | e | b | ■ | s |
| **4** | i | m | ■ | i | ■ | e | ■ | r | i | p |
| **5** | t | p | ■ | d | o | r | ■ | o | n | u |
| **6** | s | i | n | o | n | i | m | ■ | | b |
| **7** | e | k | u | ■ | i | ■ | a | ŭ | ■ | l |
| **8** | r | ■ | t | i | ■ | a | n | e | c | i |
| **9** | v | a | r | a | n | k | i | n | ■ | k |
| **10** | o | n | o | m | a | t | o | p | e | o |





## 26-a KULTURA SEMAJNFINO EN HOMBURG (D)

"Kardinal-Wendel-Haus" situas en la malgranda urbo Homburg en Sarlando. Ĝi fariĝas universitato de la movado po du foje ĉiujare, kie oni povas renkonti kulturfamulojn de Esperanto kaj kulturemajn homojn. Reinhard Haupenthal kaj lia edzino estas la motoroj de la KSF-oj de Homburgo. La 26-a KSF invitis akademianon Baldur Ragnarsson por prelegi pri „La originala poezio en Esperanto". Fakte ne temas pri simpla prelego, sed pri serio de ok prelegoj dum la posttagmezo de sabato kaj la antaŭtagmezo de dimanĉo. La valoro de la prelegoj justigas ilian eldonadon libroforme, la eldonisto Iltis prizorgas tion. Oni povas mendi ilin ankaŭ subforme de arkivkasedoj (po 9 ekuoj).



*S-ino Haupenthal kaj la prezidanto de S.E.L., J. Dörr*

Sed ne nur tiuj, kiuj kapablas kompreni literaturan analizon Esperante, iras Homburgon. La organizintoj invitis s-ron Daniel Luez, el Francio, por gvidi kurson por progresantoj. La konata tradukisto kaj kunlaboranto de multaj revuoj, elektis la libron de Marjorie Boulton : „Faktoj kaj fantazioj" kiel bazon de studado. Sufiĉe riĉa libroservo permesas, cetere, la aĉetadon de la bezonataj (kaj de la tentantaj) libroj.



*Daniel Luez gvidas kurson*

La kurson por germanlingvaj komencantoj gvidis p-ro Adolf Burkhardt, el Bissingen (D). Li utiligis la lernolibron de Wingen : „Wir lernen Esperanto".

La ĉambroj estas simplaj, puraj kaj sufiĉe grandaj. La komunaj manĝoj transformadas la studcentron en simpatia Esperanto-kunloĝado, kie, pro la nacimiksiĝo la krokodilado estas malofta, almenaŭ ĉirkaŭ la tabloj de ĉeestantoj al kursoj "B" kaj "C". Dum interlekcionoj kaj post la kursoj, ekzistas tre agrablaj kontaktiĝejoj : la bela enirhalo, la gajetosa "kamparana ĉambro", la varma "kamenĉambro".

Ni jam scias, ke en junio la prezidanto de la Akademio de Esperanto, d-ro André Albault, prelegos en Kardinal-Wendel-Haus. La Kulturaj Semajnfinoj estas nepre ne maltrafendaj eblecoj por ĉiuj amantoj de nia kulturo.



*Inter partoprenantoj oni rekonas la verkiston Lorjak*


S-ro Merger kaj Daniel Luez


Aperitivo en la "kamparana ĉambro" :
S-ro Deutsch, S-ro Dörr kaj Ges-roj Becker

# MALLONGA INTERVJUO KUN REINHARD HAUPENTHAL

**LG** : – Kie vi naskiĝis, kiujn studojn vi elfaris, kiun profesion vi havas?
**R.H.** : – Mi naskiĝis, kiel unu el la lastaj viktimoj de la mond-milito dua, en 1945. en la urbo Kronach (Bavarujo), kies alia fama filo estas la pentristo Lucas Kranach. Tamen, mi estas aŭtenta sarlandano. Tie, en Sarlando, mi frekventis la elementan lernejon, la gimnazion kaj poste studis en la universitato de Saarbrücken (gramatiko, teologio, historio, pedagogiko, filozofio). De 1969. mi estas gimnazia instruisto, en 1968. mi akiris instrukomision por esperantologio en mia universitato.
**LG** : – Kiam vi eklernis Esperanton, pro kio, kun kiu(j)?
**R.H.** : – Ha, ĉi kor-tuŝaj demandoj. Mi memoras, ke tio okazis en junio 1961. kaj kredeble tiu frua toksiĝo kaŭzis, ke ĉesi esti esperantisto estas por mi transcenda imago nereala, ekster ĉia konsidero. Jam iom pli frue mia patro (fervojisto) eklernis la lingvon kaj restas aktiveta ĝis nun.
**LG** : – Kion vi jam verkis, kiel vi nun prijuĝas viajn pasintajn verkitaĵojn?
**R.H.** : – Estus tede por viaj legantoj, se mi listigus miajn verkojn. Ĝis la fino de 1985. estas registritaj 405 bibliografiaj eroj. Mi pensas, ke mi bezonas honti pri neniu el miaj tradukoj el la germana (Harig, Hauff, Goethe, Heine, Lessing, Eichendorff) nek pri du volumoj redaktitaj de mi : *Plansprachen* (la sola interlingvistika antologio en la germana) kaj *Li kaj Ni*, fest-libro omaĝe al Prof. Waringhien. Plur-foje mi elpaŝis per bibliografiaj verkoj kaj en la lastaj jaroj intense laboris por studi la historion de Volapük.
**LG** : – Kion vi estas verkanta?
**R.H.** : – Okupas min ĉiam pli da projektoj ol mi povas realigi. Mi nun tradukas *La amuleto* (C.F. Meyer). En 1987. aperu mia „Katalogo de la plan-lingva literaturo en bibliotekoj de FRG" (ampleksa sliparo en plilaboro). Kreiĝas *Kiu kiam?* – (interlingvistika memor-kalendaro – kaj pluraj studoj pri Volapük (i.a. redakto de aŭtobiografio kaj de la testamento de Schleyer). Mi konstante redaktas la revuon DIALOGO (ekde 1973.) kaj ekde 1985. VOLAPUKABLED, faka revuo volapükologia.
**LG** : – Kiam vi komencis organizi viajn Kulturajn Semajnfinojn?
**R.H.** : – En 1973. ni restrukturis Sarlandan Esperanto-Ligon (SEL) kaj tiam komencis la serion de niaj Kulturaj Semajnfinoj (KSF). La ideon, kiu motivis nian agadon, mi priskribis ali-loke (Triŝtupa klerigado de la esperantistoj. En : *Kontakto* 1976 : 1 p. 12-14; ankaŭ en : W. Auld : *Enkonduko en la originalan literaturon de Esperanto*. Saarbrücken 1979., p. 5-10; kaj en : F. de Diego : *Pri esperanta tradukarto*. Saarbrücken 1979, p. 5-10). Tiuj konceptoj montriĝis pravaj kaj trafaj kaj mi dezirus, ke niaj spertoj aplikiĝus mult-loke en Esperantujo.
**LG** : – Kiuj famuloj jam prelegis dum viaj KSF?
**R.H.** : – Ho, multaj. Jen mi simple citas aboce iliajn nomojn esperante forgesi neniun : Auld, Bors-

boom, Boulton, Carlevaro, de Diego, Gacond, Maul, Moritz, Neergaard, Ragnarsson, Rossetti kaj Wells. Kelkaj venis jam du-foje. Principe ni eldonas la preleg-tekstojn libro-forme. Tiel okazis ĉe Auld, Boulton kaj de Diego. En preparo estas libroj de Boulton (la esperanta dramo), Neergaard (Esperantologiaj disciplinoj) kaj Ragnarsson (poezio de Esperanto).



*Reinhard Haupenthal*

**LG** : — Ĉu Esperanto fariĝos kontakt-lingvo de la monda intelekta elitaro, aŭ la elituloj restos fidelaj al etnolingvo vivanta aŭ mortinta?
**R.H.** : — Mi ne havas profetan talenton. Preskaŭ ĉiuj plan-lingvoj malaperis. Esperanto ŝajnas esti escepto — almenaŭ ĝis nun. Laŭ mia opinio ĝi restos ankoraŭ longe la lingvo de la esperantista minoritato. Ili — la esperantistoj — devas teni ĝin vivanta, sen utopioj, sen iluzioj kaj sen metafizikaj spekulacioj.

*LG = EdZ*

**23-a Praktika Staĝo de Parolata Esperanto** kaj **45-a Federacia Esperanto-Kongreso** okazos 08-09MAR86, Licée d'enseignement professionnel M.B., rue du Pr. Kennedy, Montigny-lès-Metz. El la programo : Prelego kaj debato pri la temo : „100 jaroj de Esperanto kaj ties movado. Perspektivoj por sekva jarcento". Prelegas : Walter Zelazny. Spektaklo kun la folklora grupo el Loreno. Abunda libroservo. Aliĝ-limdato : 25FEB86. Pliaj informoj ĉe : G.E.M.M.E. = S-ino NAU, 6, Allée Marguerite, F-57158 Montigny-lès-Metz.

**78-a Franca Kongreso de Esperanto**, okazos en Gerardmer, perlo de la Vogezoj, dum Pentekosto, 16-20MAJ86. Ĉeftemo de la Kongreso koncernas problemojn de la paco. Pliaj informoj : S-ino Madeleine ROUX, (9 Square A. Briand, 54500 Vandoeuvre), kies organizkapablon kaj sindediĉon trairantan formalajn devigojn de la organizanto, jam ni povis sperti dum la 22 Staĝo de Parolata Esperanto.

**OKAZOS INTERNACIAJ FERIOJ** kulturaj kaj sportaj en LA CHAUX-DE-FONDS (CH) de 10FEB86 ĝis 15FEB86, de 24FEB86 ĝis 01MAR86, de 03MAR86 ĝis 08MAR86, de 10MAR86 ĝis 15MAR86, de 17MAR86 ĝis 22MAR86 kaj de 07APR86 ĝis 12APR86. La tuta aranĝo kostas, al unuopulo inter 230 kaj 180 ekuojn, sekve la postulitan konforton. Petu informojn ĉe KCE, Postiers 27, Poŝtfako 771, telefono : 039 26 74 07, CH-La Chaux-de-Fonds.

**KULTURA ESPERANTO — DOMO**, Grésillon, F-49150 BAUGE. De 29MAR86 ĝis 02APR86 okazos PEDAGOGIA SEMINARIO organizita de U.F.E. En la programo : didaktiko de lingvo-instruado, instruado specifa al Esperanto, metodoj.
De 30MAR86 ĝis 05APR86 okazos INTERNACIA RENKONTO de INFANOJ. En la programo : kursoj, redaktado de staĝo-gazeto, komunaj promenadoj, ekskursoj kaj distraĵoj.






Rikardo Ŝulco
**PLEDO POR UNUECA LINGVO**

Preskaŭ sur 300 paĝoj R. Ŝulco, eminenta esperantisto, verkisto, konsideras inspirita de L. Mimo la tutan logikecon de Esperanto. Ĉiu ĉapitro de la konsideroj devigas atenteman analizon. Ne imagebla estas konsideri lingvistike Esperanton, sen legi tiun verkon. Ŝulco trafe revenas al la ĉefa esenca motivo de Zamenhof krei la lingvon : **logiko**. Sed kun logiko ne estas simpla - ni diru - logika, afero. La klasika (aristotela) logiko, la formala logiko, aliaj logikoj... ne taŭgas, ĉar ne povas taŭgi al la konsideroj de Ŝulco. Do restas pragmatika logiko,



sed en la libro de Ŝulco temas prefere pri la logiko komprenata, kiel racia rezonado en la populara senco de la vorto. Kaj tie jam komenciĝas problemoj. Zamenhof : „...ĉiu havas la rajton uzi formon pli logikan...", sed sama Zamenhof avertas, ke : „...lingvo absolute logika estas lingvo senviva". Kie do troviĝas l i m o inter pli logika kaj absolute logika en la lingvo (ĉefe en ties gramatiko)? Tiun respondon mi ne trovas en la libro.

Jen sur la p. 135 Ŝulco proponas uzi tradukadon por esperantigi geografiajn nomojn : Allenstein/Alenŝtono, Stolzenfels/Ŝtolcenroko ktp. Bone, sed... sekvas Sachsenhausen. Tie mi ricevas kapturniĝon : Zaksoloĝejo aŭ Zaksodomaro! Kiel sentos sin familioj de ĉiuj murditaj en tiea koncentrejo. Ĉu ili sentos sin per tio pli ‚loĝeje' aŭ pli ‚domare' ol koncentreje?

Kie do trovi la logikon, kian logikon (?) ĉe "naci-ideologia" demando de la nomoj? Pole : Tylża, france : Tilsit, sed kial Sovjeck (ekde 1945). Pole :Lwòw, ukraine : Lviv : ruse : Lvov. En E-o : Lvovo. Diabloj helpu : neniam rusoj (se ne per tankoj) vizitis, des pli vivis en Lwòw/Lviv. Ni aldonu geografiaj nomoj de la novaj progresemaj reĝimoj kiel ekz. de Ukraina SSR, Kamboĝo de Pol Pot, Supera Volto, Libio... kaj ni trovos, ke nur la logiko ne taŭgas. Feliĉe Ŝulco diras, ke „Neniu estas devigita imiti tiun procedon...". Ne nur tie, sed ĉiuloke oni rimarkas rezervon de Ŝulco al propraj konsideroj, la rezervoj, kiuj atestas pri toleremo kaj invito al diskutado pri la limoj inter logikeco kaj ne logikeco. Plue : ĉu logiko estas kategorio por la viva lingvo kun tradicio? Alivorte: kiel konsideri la lingvon enmetante en ĝin jenajn fundamentajn kategoriojn de la analizo : logikon, tradicion, normon kaj individuan stilon kaj aŭtorajn kapricojn (ekz-e : fajna **Piĉ** /el kiu Ŝulco faras nepardoneble **Piĉon**, ho!/ kaj merita **itô**, t.e. Ludovikito).

Ŝulco sekvas Mimo -n, ili ambaŭ starigas kuraĝajn demandojn de la esenco de Esperanto. Ja ne nur leksikologio interesas ilin. Plu revenas melodio de : ata/ita kaj aliaj proverbaj demandoj pri ovo kaj kokino. Je multaj problemoj ili sukcesas respondi. Tiuj, kiuj lasas dubojn ni plu konsideru. Malfermi okulojn al la lingvistoj pri la problemo de la arte farita lingvo (du vortoj, p. 5, el Lingvaj Respondoj,13; kiomfoje eraris Zamenhof mem?) estas esenca tasko de la amikoj de Esperanto. Tion sukcese faras Ŝulco. La verko leginda, necesa, altkvalita.

*PS.: Estimata S-ro Ŝulco, mia fratino edziniĝis al s-ro Kac, fratino de s-ro Kac, al s-ro Put, ktp. Ĉu vere ne eblas en la logika E-o ne insulti homojn. Unu homo nomiĝis Postaf, sed rapide li ŝanĝis nomon je pli eleganta : Furzaf. Sed li ne sciis E-on.*

***Walter Zelazny***

**LITERATURA FOIRO**, n-ro : 92. Tre interesa detektivado pri la E-o literaturo en mondaj enciklopedioj kaj leksikonoj. Kutime LF estas la plej interesa literatura revuo en Esperanto. Ĉirkaŭ LF estas grupigitaj intelektuloj, kies historia merito estas ne poemojn (ĉiuj ilin verkas), sed teoria kaj praktika ellaboro de la alternativo por la movado kaj ĉefe "produkto" de la MANIFESTO DE RAŬMO. Unuan fojon en la historio de la movado oni kuraĝe diris, ke Esperanto sukcesas esprimi ĉion, nun oni devas esprimi ion, ion interesan kaj originalan. Alivorte: jam ni konscias, ke ni ekzistas, sed ne ankoraŭ ni konscias, kiu cele ni ekzistas. Mi pensas reveni en LA GAZETO al historio de diversaj E-o manifestoj. Ĉiu estis interesa, siatempe signifa. Tiu de Raŭmo instigas al rekonsidero de nia nuntempa rolo. Sukcesoj ĉe internaciaj organizaĵoj gravas, sed garantias nenion por la lingvo kaj kulturo mem.

**LA KANCERKLINIKO**, n-ro : 36. En ĝi modela recenzo far'de J.P. Danvy pri „Mil jaroj de Kristana Filozofio" de E. Pauli. Rare okazas, ke recenzisto legas de la unua ĝis la lasta paĝo recenzotan libron. Danvy legis, mi certas. Neniam ni povus eltiri el la verko de Pauli tiom da freŝa aero analizi kristanismajn agojn per la elekto de la plej ŝokaj citaĵoj. Ŝokaj tamen ne por ĉiuj. La revuo publikigas ankaŭ rezultojn de la enketo pri LKK kaj elektitaj ceteraĵoj el la universo : „...ĝenerale nia legantaro posedas tre altan intelektan nivelon, kaj grandan kulturon (ĉefe rilate al muziko)... Neniu leganto de LKK fumas haŝiŝon... Plejofte oni abonas LKK-on por kredigi, ke oni estas vera intelektulo... Nur 1 naivulo opinias, ke E-o revuo povus iam aperi sen artikolo de Golden... Sire estas genia, Elik estas genia, ĉiuj estas geniaj..." La redakcio de LKK konkludas : „...niaj legantoj primokas nin...".
LKK estas unu el la plej inteligentaj entreprenoj en Esperantujo. La legantoj grumblas, la revuo insultas, karavano iras plu, sed hundoj ĉiam bojas...

**LA ESPERO**, n-ro : 68. Okazis io nekredebla. Post 40 jaroj la landlimo inter du Koreioj malfermiĝis... Ne por ĉiuj kompreneble. Nur komence por po 150 personoj. Unuan fojon post 35 jaroj okazis en la norda parto diservo. Ĝin okazigis fama episkopo Tji de la suda Koreio, kiu poste renkontiĝis kun sia fratino, kiun li ne vidis de post 1949. Li eksciis de ŝi, ke „...paradizo estas ĉi tie en norda Koreio, kie ĉiuj homoj ĝuas abundan vivon sen ia ajn plendo..." Kion la junaj nordaj koreanoj scias pri la mondo: "Pro la usonaĉoj knaboj en suda Koreio vagadas sur strato, almozpetante por manĝi... Ili ne havas domojn por loĝi kaj manĝaĵojn por manĝi, nek vestaĵojn por sin vesti..."

**SENNACIULO**, n-ro : 967. Neniam kaj nenio estis por mi pli interesa ol analizi pensojn de la okcidenataj kamaradoj pri la sovetismaj landoj. Jen:

„La turistoj ripete asertas ke en tiuj socialismaj landoj la homoj estas malgajaj. Ni vidis ilin, per turistaj okuloj, trankvilaj, kaj kiam en premplena cirko ni miksiĝis kun ili, infanoj kaj plenaĝuloj, ĉe la pajacoj, ridis idente kiel la ridemaj hispanoj." Mi ne dubas pri tio. Mi foje estis en la domo de la kristana helpo "Caritas" en Łódź. Monaĥinoj havis belan etan simion. Ĉiam, kiam la infanoj estis terure malgajaj la monaĥinoj forpuŝadis la simieton el kaĝo kaj ĉiuj ridis, eĉ mi. Aliloke : "...direktoro... rajtas ignori, ekzemple, ke la klozetoj estas difektitaj..." Kaj kvankam hispanoj ne tro emis al tiuj necesejoj ni plu legas, ke „Kio estas komprenebla kaj ekskuzebla en ĵusaj servutuloj, tio neniel estas torelebla ĉe direktoro aŭ estro...". Mi multfoje pensis, ke se en la "progresemaj" landoj sekretarioj kaj direktoroj okupiĝus pri necesejoj kaj en la lando mem laborista klaso regus, tiam oni povus vidi ridantajn homojn ne nur en cirkoj, sed ankaŭ en necesejoj. Sed, ho! mi naiva.
La revuo lanĉas novan diskuttemon : SAT kaj RELIGIO. Ni atenteme atendas rezultojn.

**ESPERANTO** de UEA, n-ro : 960. T. Sekelj nome de UEA sukcesis konvinki Ĝeneralan Konferencon de Unesko favore rezolucii por Esperanto okaze de la centjariĝo de la Internacia Lingvo. S. Milojevic okaze de tiu grava evento skribas : „/.../ ni eble nur nun komprenas, kia estis la vera signifo de Montevideo antaŭ 31 jaroj, kaj – sekve – post jardeko aŭ du, ni plene komprenos la signifon de Sofio 1985. Unesko onidire ne plu restas tio, kio ĝi iam estis. Feliĉe! /.../ Se Usono forlasis Uneskon antaŭ unu jaro, se **Britio vasale sekvis** (grasigita de mi = LA FERA) antaŭ kelkaj semajnoj, tio grave malkontribuas al la kaso de Unesko, /.../ ĉiam estas virto rifuzi danci laŭ la trudita muziko." Jam kelkfoje UEA dancis laŭ "kazaĉok", sed ĉi tie ni ne analizos valorojn de tiu danco. Permesu, mian personan rimarkon : kiel nomi post la eventoj de 1956. en H, de 1968. en ĈS, de 1979. en AFG, de 1981. en PL, konduton de Sovetio? Britio ne vasale sekvis Usonon, Britio elektis foriri Uneskon! Estas alia demando analizi ĉu Britio ĝuste faris forirante Uneskon, sed nomi tion "vasaleco", kaj ne vidi, ke proporcie (preskaŭ samproporcie kiel en Unesko) sama parto de la Landaj Asocioj de UEA de jaroj kondutas laŭ vasaleca sistemo ne nur rilate al Moskvo, sed rilate al UEA, do vidi kio okazas sur la propra korto kaj ne nomi tion laŭmerite, dum insulti aliajn estas hipokriteco. UEA do ne miru, se ĝi travivos similan krizon kiel Unesko. Jam en Varsovio okazis puĉo kaŭzita de vasaloj de Moskvo kaj politiko de UEA. Estus interese scii kion opinias pri tio UEA. Estus honeste aperigi en la revuo de UEA opinion ĉi teme de la nuna Prezidanto de PEA. Ni atendas ne **vasalan konduton de UEA** ĉi rilate. La 1987. proksimiĝas! Se UEA ĝis nun ne reagis pri la puĉo en PEA kiel nomi ties konduton se ne vasaleco? Por ĉion diri : vasaleco al forta teamo de la LA de komunismaj landoj. Ĉu UEA sukcesos rifuzi danci al la trudita muziko okaze de la UK en Varsovio de Jaruzelski kaj de komisaroj, kiuj nun regas en PEA?

**HUNGARA VIVO**, n-ro : 4/85. Denove la numero kun ĉeftemo. Nun VIRINAJ TEMOJ... : „Jam sur la frontopaĝo oni renkontas foton de junulino, kaj sur la sekva paĝoparto analizan artikolon pri la situacio de virinoj en la hungara socio. ..." Ke HV ne perdas tamen la ligojn kun la reala mondo atestas en la sama n-ro GAJA PAĜO precipe interesa el la vidpunkto de la situacio de la virino en hungara socio :
– Fraŭlino, ĉu vi kontraŭus, ke ni pasigu kune la nokton?
– Nu... tio neniam okazis ĉe mi...
– Ĉu vi do neniam pasigis kun viro...
– Kion vi pensas? Sed mi neniam kontraŭis tion!

*LA FERA*



# EKOLOGIO KAJ LA ESPERANTA KOMUNUMO

**1.2 Ekologio kiel ponto-scienco**

La Internacia Lingvo Esperanto vivas, ĉar ĝi simile al la sferoj de kulturo kaj sporto sukcese plenumas ponto-funkcion por la homaro. Du aktivaj kapabloj de homo necesas por la funkciado de ĉi tiu ponto-funkcio : aktiva, konscia rezigno pri propraj apartaj biologiaj, kulturaj kaj ideologiaj privilegioj kaj aktiva alproprigo kaj aplikado de la Internacia Lingvo, orientiĝante pri la alia flanko de la ponto. Nenia **ponto** de ĉi tiu terglobo estas sufiĉe forta por porti la pezon de ĉiuj kulturoj kaj nenia ponto de ĉi tiu terglobo povas elteni heziteman homaron, kiu haltadas en la mezo de la pontoj pro timo transpaŝi ĝin kaj atingi la alian bordon.

En maniero unika por la postvivo de ĉi tiu planedo la ekologio fariĝis ponto-scienco de la homaro. Ĝi fakte estas la ununura ponto de **ĉio** vivanta el la morte minacata nuntempo en vivindan nefermitan estonton kaj estas **la** liganta kaj peranta ponto inter ĉiuj sciencoj. Kaj simile al la Internacia Lingvo funkciprincipo de ĉi tiu ponto havas du karakterizaĵojn : 1) La principa konscia kaj aktiva preteco de la homo rezigni pri privilegioj kompare al la cetera vivaro kaj 2) la aktiva alproprigo kaj praktikado aktiva de la ekologiaj principoj en la apartaj sociaj formoj kaj fare de la individuoj.

Ni nun rigardu tion detale!

**1.3. Enhavoj kaj mesaĝo de la ekologio**

Ekologio estas la scienco pri reciprokaj agadmanieroj de la vivestaĵoj kaj de la natur-fenomenoj, pri la vivo-komunumoj kaj iliaj mediorilatoj, kaj per tio ankaŭ pri la agadmaniero de la homa socio ene de la natura mastrumo.

Ekologio kiel naturscienca nocio estis enkondukita unue en 1866. de la biologo kaj filozofo Ernst Haeckel kiel kampo de biologio, kiel „tuta scienco pri la rilatoj de la organismoj al la ĉirkaŭa ekstera sfero, al kiu ni plilarĝsence alkalkulas ĉiujn egzistokondiĉojn". ‚Oikos' signifas mastrumo, mastrumo de la naturo, t.e. la strukturo kaj dinamiko de ĉi tiu mastrumo. Ekologio signifas doktrinon pri la mediorilatoj kaj vivonecesoj. Intertempe la nocio estis pliampleksigita al la tuta kompleksa interplektaĵo de reciprokaj rilatoj kaj influoj de **ĉiuj** vivestaĵoj kaj medioj. Biologia ekologio ("bio-ecology" aŭ "medio-ekologio", t.e. ekologio de homo "pri" biologio) kaj homa ekologio fariĝis du flankoj de la sama afero : de la vivo.

En la ekologio do interligiĝas biologiaj, fizikaj, geografiaj kaj soci-sciencaj demandoj pri la tutefiko de la diversaj agadoj de la homa socio sur la naturon kaj ties retroefikoj sur la socion. Ekologio devas esplori la efiko-koncernajn rilatojn inter medio-utiligoj flanke de la homo kaj la medio-ŝanĝiĝoj kaj priskribi konkludojn por la onte restantaj utiligo-ebloj. Ĉi tiu pretendo estas profunde racia kaj samtempe ekonomiema. Ĉe tio ekologio okupiĝas ne pri izolitaj unuopaj efiko-principoj de naturo, sed pri la laŭfunkcia tuteco de la natur-interligoj kaj la influoj de homaj sistemoj sur tiujn, komprenante socion kaj naturan medion kiel **tutecan** ekologian sistemon. Ekologio estas ponto-scienco, kiu simile al la kopernika tempoturniĝo en la astronomio ŝanĝas nian tutan mondkoncepton.



Estas decida la valideco de la ekologia baza principo, ke la naturo nur kiel tuto nedifektita estas vivokapabla bazo por si mem, kaj, inkluzivite en tio, por la homo. La homo, detruante la naturon, detruas sin mem. Intertempe li efikas samtempe sur ĉiujn eko-sistemojn. Neniam antaŭe unu specio endanĝerigis sian propran pluekziston pere de pereigo de aliaj specioj.

# M.F.K.A.

La demandoj traktataj de la ekologio estas demandoj de postvivado de la homo. Klariĝas el ĉi tiu signifo de la ekologio, ke ĝi estas evoluonta al ĉioampleksa scienco kun kultura kaj politika eksplod-povo. Kvankam laŭ teoria deveno senagreseme, la ekologio aperigas la homan socion sub radikala vido. Ĝi, en ĉi tiu pozitiva senco, estas „revolucia", koncerne siajn rilate al homo, socioj kaj progreso kritikemajn enhavojn ankaŭ „kontraŭ-revolucia", kaj pro sia senindulga malkaŝado de nerespondecenda mis-mastrumado kaj siaj konsekvencaj postuloj pri transformado ĝi eĉ estas „kaŝagresa" aŭ subfosa. Ĉiukaze ĝi ne estas ideologio aŭ politika interpretado de donitaĵoj, sed kiel scienco inter la sciencoj celas al la vero kaj faras kiel premiso de ĝia postulo pruveblajn, objektivajn kaj neŭtralajn eldiraĵojn.

Kiel ponto-scienco kaj konsidere al la ŝanĝoj de la natura medio kaj ĝiaj eko-sistemoj, la ekologio havigis al si ekkonojn, kiuj por la pluaj agadoj de la homaj socioj havas porekzistadan signifon :

1) La eko-sfero (la tuto de la viva kaj malviva medio) estas limigata, fina sistemo. La tutkvanto de la en ĉi tiu sistemo entenataj substancoj kiel akvo, aero, mineraloj estas neŝanĝebla. La substancoj trapasas diversajn statojn, estas ŝanĝataj, prilaborataj, „transformataj" – sed ilia tutkvanto restas la sama. Pro tio la eko-sfero kun la resursoj („ter-trezoroj"!) estas laŭ kvanto kaj laŭ funkcio limigata, kaj sekve el tio ankaŭ ĝia povo. Sole el tio estas devenigebla la esenca eldiraĵo de la usona ekologo Ophuls (Ofels) : „La mesaĝo de ekologio estas limigo!"

2) Ju pli diversaj la kondiĉoj en iu vivospaco (bio-topo), des pli multspecia ĝia vivo-komunumo. Ju pli ofte kaj profunde iu biotopo estas elementa al antropogenaj (home kaŭzitaj) ŝanĝoj, des pli malmultspecia kaj sen-stabila la vivo-komunumo.

3) Ju pli kontinue evoluis la medio-kondiĉoj en iu loko, ju pli longe ĝi havas samspeciajn medio-kondiĉojn, des pli multspecia fariĝis ĝia vivo-komunumo, des pli ekvilibra kaj stabila ĝi estas. Esenca premiso por optimuma evoluo de ĉio vivanta estas eŭstasio de la vivo-kondiĉoj, eca kontinueco de la medio. Al la ĝenerala porviva optimumo apartenas la eŭstasio de la vivo-kondiĉoj. Pro tio necesas, ke estonte pli ol ĝis nun estu konservataj la eŭstasio de la medio-kondiĉoj en kultur-lando, aŭ, kie tio ĉio ne eblas, tamen la eco-konstanteco de la nove kreita medio estu certigata por la estonto.

4) La dinamika ekvilibro de la eko-sistemoj rezultas el la multspecieco. La naturo estas plej vivokapabla nur kun laŭeble granda stoko de specioj.

5) Ne la kresko de iu parto de la eko-sistemo, sed nur dinamika ekvilibro („flu-ekvilibro") inter ĉiuj sistemoj povas doni bazon por longtempa (relativa) stabileco.

Do, al la esencaj eldiraĵoj de ekologio apartenas la jenaj fundamentaj principoj :

1) Multflankaj vivo-kondiĉoj ebligas altan denson de specioj, sed plej ofte kun malgrandaj nombroj da individuoj de la unuopaj specioj.

2) Unuflankaj kaj ekstremaj vivo-kondiĉoj kondukas al malabundo de specioj; la ekzistantaj specioj tiukaze montras pli granadan abundon de individuoj.

3) Ju pli kontinue evoluis la vivo-kondiĉoj en iu vivospaco, ju pli longe ĝi estas havanta samspeciajn medio-kondiĉojn, des pli specio-abunda, ekvilibra kaj stabila la vivo-komunumo povas esti.

Fariĝis nun tasko de la homaro konkludi la ĝustan kaj necesan el ĉi tiu naturdonitaj faktoj. La tasko estas – post la antaŭa decido favore al la valoro de „vivo-gardo" – transpreni de ekologio tiujn komprenojn por la ekonomia, socia kaj politika agadmanieroj, kiuj estas necesaj por la konservado de la naturaj vivo-fundamentoj.
Per tio la ekologio pliampleksiĝas al politika ekologio, kiu esploras la respektivajn kunligojn, kondiĉojn kaj vojojn.

Sen ajna iomo da dubo konstateblas :

LA DETRUO DE LA NATURO KAJ MEDIO LAST-INSTANCE SIGNIFAS DETRUON DE LA KULTURO KAJ EKONOMIO.

LA ELLABORADO KAJ LA EKZAKTA ARGUMENTADO PRI LA MORTA DIFINITIVECO DE ĈI TIU SCIENCA ELDIRAJO KAJ DE TIES SEKVOJ POR LA AGADO DE LA HOMA KOMUNUMO ESTAS LA DAŬRE UNUA TASKO DE LA PONTO–SCIENCO EKOLOGIO. *(daŭrigota)*

*Wolfgang Gunther*

## KRUCVORTENIGMO "KVE-2"

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | ■ | | | | | |
| 3 | | | | | | ■ | | | | |
| 4 | | | | | | | ■ | | ■ | |
| 5 | | | ■ | | | | | ■ | | |
| 6 | | | | | ■ | | | | | |
| 7 | | ■ | | ■ | | | | ■ | | |
| 8 | | | | | | ■ | | | | |
| 9 | | | | | | | ■ | | ■ | |
| 10 | | | | | | | | | | |

**Horizontale:**

1 - Sonfiguro, konsistanta el la efekta ripeto de unu sama aŭ de similaj konsonantoj.
2 - Tervojeta - Ar' de mallongaj literaturaj verkoj.
3 - Skandinava monunu' - Monogramo de eminentulo de MEM - Plej bona part' el aro.
4 - Rapida desegn' aŭ pentraĵ', en kiu oni celas kapti nur la esencan similecon - Mallongigo de tuno - Oksigeno.
5 - Sufikso, uzata por formi la nomon de acida salo - Egipta di' de la mortintoj - Esperanta sufikso.
6 - Grenkampa trudherbo - Hebrea vira nom'.
7 - Signo de formo - Argono - Evangeliisto - kaj aliaj.
8 - Kun ŝlosiloj, li estas sankta - Krutaĵo.
9 - Revolucia konsilio de laboristoj aŭ soldatoj - Uranio - Tiel finiĝas la agoj.
10 - Scienca studo de propraj nomoj.

**Vertikale:**

1 - Tremiga estonto.
2 - Patro de Odiseo - Potenca spirit'.
3 - Idaro sen a - Sinonimo de Letono.
4 - Fiksforma japana poemo - Legenda fondint' de Romo.
5 - Simbolo de „oriento" - An' de la indiĝena loĝantaro en japana insulo Jezo - Laŭ aleatora elektilo.
6 - Egipta di' de suno - An' de la indiĝengento en la Sud-Afrika provinco Natalo - Duono de "osto".
7 - Asocio de sovetiaj esperantistoj - Nom' de Dionizo - Signo aŭtomobila de Tajlando.
8 - Prapatroj de irlandanoj - La tria nekonata kvanto - Prunti kontraŭ mono.
9 - Azenbleki - Kvazaŭ esti juĝisto inter diabloj - Kalio.
10 - La plej maldika parto de Esperanto-gramatiko.

## MAGIA KVADRATO "MK-2"

**Ĉu vi kapablas "magiecigi" ĉi tiun kvadraton plenigante la malplenajn fakojn per la nombroj entjeraj pozitivaj inter 13 kaj 37 ? La sumo de la linioj, kolumnoj, diagonaloj estu**

**125 !**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| | | | | |
| | | 37 | | |
| | 17 | 25 | 33 | |
| | | 13 | | |
| | | | | |



# PREZOJ KAJ KURZOJ

1 EKUO valoris je 16JAN86

| | | |
|---|---|---|
| 15.349 As | 132.688 GRs | 140.505 Ps |
| 44.597 Bs | 40.869 Hs | 126.945 PLs |
| 0.846 BGs | 1489.530 Is | 6.762 Ss |
| 1.244 CDNs | 1245.441 ILs | 4.735 SFs |
| 1.846 CHs | 35.309 ISs | 0.665 SUs |
| 2.183 Ds | 179.766 Js | 334.965 TGs |
| 7.992 DKs | 44.597 Ls | 0.672 TNs |
| 4.113 DZs | 8.328 MAs | 473.991 TRs |
| 136.370 Es | 6.739 Ns | 0.889 USAs |
| 6.699 Fs | 2.459 NLs | 250.643 YUs |
| 0.617 GBs | | |







LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LA GAZETO nomas ilin "**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, "26 Ds" signifas : "26 germanaj markoj el Federacia Germanio", kaj "26 DDRs", "26 germanaj markoj el Popoldemokracia Germanio". Vi trovos la kurzojn de la spezoj de ĉiuj landoj, kie oni legadas LA GAZETO-n. Ni esperas utili al la esperantistaro publikante la prezojn de la plej kutimaj varoj, kiujn oni eventuale bezonas en diversaj landoj de Eŭropo, kie oni povas turismi. Bonvolu vidi ĉi-tie la komparitajn prezojn de litro da benzino "supera", de litro da gasoleo "veturila", de litro da ruĝa vino la malplej kosta, de litro da oleo "kuireja", de unu tranoktado en hotelo je minimuma komforto por paro, de 100-kilometra fervoja vojaĝo en kvin landoj : Aŭstrio, Germanio, Francio, Luksemburgio kaj Svedio :

| | A | D | F | L | S |
|---|---|---|---|---|---|
| benzino | 0.70 | 0.64 | 0.76 | 0.62 | 0.70 |
| gasoleo | 0.62 | 0.60 | 0.60 | 0.46 | 0.46 |
| vino | 1.56 | 0.92 | 0.77 | 0.90 | 3.48 |
| oleo | 1.92 | 1.03 | 1.72 | 1.79 | 4.21 |
| hotelo | 23.45 | 23.00 | 15.00 | 17.94 | 38.45 |
| fervojo (100 km) | 7.04 | 8.25 | 7.47 | 3.14 | *6.21 |

* en Svedio la fervojaj veturkostoj estas malsimilaj dum sabatoj, dimanĉoj kaj festotagoj (= 8.28 ekuoj/100 km) kaj dum ceteraj tagoj.



# ISLANDAJ PRAVOĈOJ

Por amantoj de Wagner-a muziko, la nordeŭropa mitologio ĉiam estis elektita temo. La, por mia gusto, tro malgranda libro entenanta nur tri rakontojn kaj unu poemon el antikva Islando, t.e. tri "sagaojn" kaj unu Edda-poemon, tradukitajn de Baldur Ragnarsson, estis do tro mallonga, sed memorinda ĝuo por mi. La tradukinto verkis sep paĝan enkondukon, kiujn oni devus citi tutamplekse, kiel modelon de utila skribaĵo en kies ĉiu linio oni trovas informojn kaj klarigojn pri la kvar unuaj jarcentoj de la Islanda civilizo, t.e. pri la periodo inter la 9-a kaj la 13-a jarcentoj. La historio de la skandinavoj ekloĝintaj en Islandon estas memorigita fare de la famaj "sagaoj". „La vorto 'saga', kiu signifas prozrakonton ĝenerale kaj siavice devenas de la verbo 'segja', diri, rakonti. Laŭ islanda-skandinava lingvouzo la tuta antikva prozliteraturo de rakontado, sed antaŭ ĉio la historia kaj la biografia, povas esti nomata 'sagaoj'. La sagaoj estas dividitaj laŭ iliaj temoj en kvar ĉefgrupojn" : la sagaoj de reĝoj, la familiaj sagaoj, la samepokaj sagaoj de ekleziaj kaj laikaj ĉefoj kaj la pratempaj sagaoj.
Estas sagaoj longaj kiel romanoj kaj mallongaj kiel noveloj, sagaoj kiuj priskribas la vivon de unuopulo, sagaoj kiu priskribas historion de familio dum generacioj, sagaoj kiuj rakontas eventon, dramon kun granda rolantaro. Kaj oni vere bedaŭras, ke oni ne povas ilin legi ĉiujn, kiam oni legis la specimenon, kiun transdonas al ni Baldur Ragnarsson.



*Vikinga ŝipo*



*Baldur Ragnarsson, poeto*

La plej longa sagao el la tri elislandigitaj estas la „Rakonto pri Hrafnkel, pastro de Frey", kiuj priskribas konflikton inter "godar", religia-laika ĉefo, "pastro-ĉefo", unu el la 39, kiuj laŭleĝe ekzistas en la aristokrata islanda mezepoka socio, kaj najbaraj familioj. Sekve interesan historion pri orgojlo, honoro, digno, venĝo, krueleco (mi eĉ ellernis novan formon de torturo : „Ili eltiris siajn tranĉilojn kaj trapikis la kalkanajn tendencojn de la homoj kaj tirpuŝis la ŝnuregon tra la truoj kaj tiel hisis ilin sur la trabon, entute ok homojn kunlige"), justeco kaj braveco, ni kvazaŭ vidas antaŭ niaj okuloj la funkciadon de la islandaj institucioj, nome de la "Alting", la Nacia Ĉefasembleo, sendube la unua parlamento vere demokratia laŭ la moderna senco de ĉi tiu vorto. Kreita en 930. ĉi tiu parlamento faradas leĝojn kaj juĝojn kaj lasas al la civitanoj liberaj la plenumadon, ĉar policoforton ĝi ne havas, nek do la eblecon funkciuligi aŭ sklavigi la civitanojn. Ekzilito restis en la lando ĝis kiam iu ekhavis la kuraĝon forpuŝi lin kaj ekkaperi liajn havaĵojn kaj funkciojn. Eĉ tiam li povis diskutadi, promesi, kaj plej ofte teni sian promeson. En la sagaoj antaŭ mortigi iun, oni klarigas al li la kialojn kaj la neceson de lia morto, kun sincera konvinko, ke la viktimo, se li estas honesta homo, estos konsentanta. „Mi estus tamen pardoninta al vi tiun kulpon por la unua fojo, se mi ne tiel solene





estus ĵurinta pri la afero. Tamen vi konfesis vian misfaron kiel indas al viro. Sed pro la kredo, ke nenio plu sukcesos al tiuj faligintaj sur sin mem la malbenon de rompita ĵuro, Hrafnkel deĉevaliĝis kaj alkuris kontraŭ Einar, donante al li mortigan frapon. Tion farinte li rajdis sen plia ekscitiĝo returne al Adalbol, kaj raportis pri la ago." Cetere ne estas etikaj disertacioj en la sagaoj. Oni preskaŭ kredus pri la foresto de metafizikaj problemoj, se fojfoje ne aperus mallongaj frazoj, kiel tiu de Hrafnkel post lia malvenko : „Ne plu mi kredas je la dioj."

En la sagao de „Torstein la Stangofrapita" ankoraŭ pli klare videblas la nevenkebla forto de la devo en la animo de ĉi tiuj norduloj. Torstein estas pacema fortulo, sed tamen li senpasie, prodeve mortigas homon, kiu publike malhonorigis lin.

La komercaj kaj politikaj rilatoj inter la skandinavaj landoj estas la fono de historio pri kuraĝa, lojala homo, Audun. Li sukcesas starigi komercan paslinion trairantan malamikajn landojn. Mirigas nin la trankvila konvinkiĝo, ĉie subdaŭranta en la sagaoj, ke individua honesteco kaj lojaleco, estas bazaj valoroj, kiuj donadas la pacon kun si mem, eĉ se ili ĉiam sekurigas la sukceson. La homo de la sagaoj ĉiam serĉadas moralan solvon al siaj problemoj, kontraste al la serĉado de intelektaj solvoj, kiu karakterizadas la sudulojn. La vero por la antikvaj skandinavoj elvenis pli el la mistika vidado de aŭguristoj ol el la logika cerbumado de filozofoj : "multon mi scias – kaj mense vidas –" diras al ni la aŭguristino, en la lasta parto de „Islandaj Pravoĉoj", en la Edda-poemo. Ŝi eĉ ŝajnas primoki tiujn, kiuj ne havas la mistikan vidkapablon : "Ŝcias vi jam – aŭ ĉu?" Ĉu ... kio?

La tri sagaoj kaj la Edda-poemo sufiĉas por densa prihistoria cerbumado. En la deka jarcento praktike la tuta Eŭropa literaturo estas kristana kaj hagiografia, nur ĉe skandinavoj, ĉefe en Islando, restas literaturo, kiu instruas nin pri la civilizo ĝermana antaŭkristanisma, unu el la pilaroj de la Eŭropa feŭdismo. Ni kutime pli bone konas la ŝuldojn de nia civilizo al Helenio kaj Romio. La „Islandaj Pravoĉoj" memorigas al ni, ke la baza valoro de la homa individuo, la respekto al la ĉefo, la sankteco de la donita parolo, la konvinko, ke homo faradas la leĝojn, kaj ne la leĝoj la homojn, la klopodo al individuaj liberoj, malfido pri sklavigaj ŝtatsistemoj, kaj multaj aliaj valoroj de Eŭropo rekte eliĝas el la norda, ĝermana civilizo. La protestanta kristanismo, kaj poste la kapitalismo kaj liberalismo, manifestos ĉi tiujn valorojn kontraŭ la totalismojn kaj socialismojn, kiuj antaŭ esti katolikismo kaj ortodoksismo, estis orientaj despotismoj aŭ romiaj jurismoj. Oni ne povas vere kompreni la nuntempan civilizon, se oni ignoras la islandajn, skandinavajn pravoĉojn. *J.E.*




# KASTELOĈAJ

Dum la tuta 13-a jarcento, en la orienta Eŭropo, ĉiuj regnegoj kaj regnetoj estis balaataj de la mongolaj invadoj; kiu ne konas la nomon Ginĝis-Ĥan, kies famo restos senmorta? Sola Zamenio rezistis kaj tiam estis skribataj kelkaj el la paĝoj plej gloraj de ĝia glora historio.

Starante fiere sur la Fundamonto, la fortreso Kasteloĉaj baradis la vojon al la stepa kavalerio de la Ha-Tistoj. Malantaŭ ĝi vastiĝis Varingenio; Varingenio la klera, kie estis parolata la plej pura lingvo en Zamenio; Varingenio la fruktodona, tie meze de riĉaj ĝardenoj kunfluas la riveroj Piv kaj Pag. Sed kiom da tempo Kasteloĉaj ne cedos? Maltrankvile, reĝo Gastono 1-a rigardis la etan nombron de siaj militistoj kaj la malamikan armeon, vastegan maron tuj ĵetiĝontan.

Vane li petis helpon de siaj vasaloj : multaj eĉ ne respondis, malgraŭ la artikolo 18-a de la kavalireca kodo, decidinta, ke ĉiu feŭdulo, ne veninte kvarfoje post reĝa alvoko, estu eksigita el siaj oficoj. Li tamen ne restis honte malantaŭ siaj dikaj muregoj sed dufoje li atakis : en la unua li faris gravajn perdojn al la Ha-Tistoj; en la dua li eĉ venkus, se ili ne evitus la batalon. Sed lia armeo estis lacega, kaj la decida ŝturmo tuj okazos.

Ĝin preparis kun zorgo ega la granda Teng-Jo-U, ĉefo de la Ha-Tistoj. Pli valoran la tero ne vidis kaj sendube neniam vidos; kuraĝa inter la kuraĝuloj, li estis la sola homo kapabla stiri ĉaron kiu estis riparata; la jaroj nenion forprenis el lia valoro, tiel ke en lia maljunaĝo oni kromnomis lin la bat-avo. Nun, en sia tendo li preparis ĉion por la glorega morgaŭo, kaj laŭ la stepaj kutimoj li venigis sian ŝamanon por eksciі la volon de la destino.

Baldaŭ alvenis la sorĉa pastro, vestita de besta feloj, kun cervokornoj sur la kapo : "Ĥano glora" li deklaris „je la dio Ŝam, kies ano mi estas; je la dio Ŝa, kies mano mi estas; je ĉielaj dekretoj : vin elektis la dioj mem por puni Zamenion pri ĝia morala dekadenco; ili helpos vin kaj batalos flanke de vi. Diru nun, kion vi volas, kaj tion ili ekzakte okazigos."

Kvazaŭ ebriigite de tia ĝoja informo, Teng-Jo-U ne pripensis plu kaj balbutis en sia Ha-Tista



dialekto : „Mi volas, ke morgaŭ Kasteloĉaj estu okupata!" La ŝamano ŝtopis miran krieton, sed li sciis la orakolon de nun ne ŝanĝebla kaj li flustris nur : „Tia ĝi estos, ho via Ĥana Moŝto."

En la matenaj nuboj sangis la suno, kiam el cent mil brustoj elliris la militkrio de la mongola ĉefo : "Ĉiu ĉinu!" kaj, kiegante, ŝturmis la muregon de Kasteloĉaj; sub la ŝoko ĉio cedis. Tie kaj ĉie eskaloj apogiĝas, sagado malhelpas al la defend-antoj repuŝi ilin. Jam estas grimpataj la remparoj, murrompiloj frapadas, pordegoj falas kaj furiozularo ekprirabas la riĉan kvartalon Aŭld.

Okazas scenoj teruraj, kies memoro longtempe obsedos la tutan Zamenion kaj kiujn kantos unu granda poeto en versoj admirindaj. Kiel leono batalas la kompatinda reĝo Gastono, sed ĉirkaŭ li falas unu post la alia ĉiuj liaj soldatoj, dum ĉiu-momente ekaperas en la fortreso novaj kaj novaj atakantoj.

Sed kial la Ha-Tistoj subite haltas hezite? Kial terurita servisto portas mesaĝon al la ĥano. Kial en la ebenaĵo brulas nun la tendoj? Jen alvenas la helpega armeo kun la novaj kavalirigitoj; ili ĵus ricevis la spadon kaj jam uzas ĝin pli lerte ol multe da pliaĝuloj; por defendi Zamenion ĉiuj jesis al la alvoko. Ĉiuj estas tie : Aristek, Boŭltonek, kies ŝildon ornamas la jam famaj tri katoj, Ĝuĝevek, Mijakek, Rossettek, Sonnenfeldek, Tarkonek... Arego da Ha-Tistoj impete sin ĵetas sur ilin : ĉiuj vespermanĝos ĉe la dio de la mortintoj. Cent ĝoj-kantoj sin levas en la liberigita popolo, dum unua-foje en sia vivo la stepaj militistoj spertas terur-egon : forsavu sin, kiu povas! Plu frapadas kuraĝe Ten-Jo-U, sed jam liaj kunuloj kuŝas antaŭ li en sia sango, aŭ — honto! — fuĝe kuras tra la stratoj inter vunditoj kaj kadavroj.

Fuĝu, fuĝu mem, ho Teng-Jo-U! sufiĉe vi pruvis vian valoron senkomparan; kiom eble provu rekunigi la erojn disajn de via armeo kaj kuru elen, plej rapide. Nur utilus via morto por la ĝojego de viaj malamikoj.

Kiu diros, per kiaj mirindaĵoj la ĥano kun areto da fideluloj forrajdis el Zamenio? Tiel granda en la malfeliĉo kiel en la triumfoj, li ne ellasis unu solan plendan parolon : „Plu esperu, miaj kamaradoj, li diradis, eĉ se la fina venko nun forflosis en nebulan malproksimon." Sed kiam li sin retrovis sola en sia tendo, eksuperis la premegiteco kaj li ne povis ne sopiri : „Tamen, hieraŭ Kasteloĉaj estis okupata..." kaj voĉo, kiu ŝajnis veni el nenie, respondis kun malĝojo : „Jes ja, ho Teng-Jo-U, sed ĝi ne estis okupita."

*Bernard Aunis*

Cirk. 149
Aldono F

**OFICIALAJ INFORMOJ**
**de la**
**AKADEMIO DE ESPERANTO**

Nova Serio N° 4
Novembro 1985

**Sendependa lingvo-institucio**
**fondita de D-ro L.L. ZAMENHOF en 1905**

D-ro A. ALBAULT, 21, rue de Verfeil,
F-31200 TOULOUSE, Francio

La Akademio vokas ĉiujn Esperantistojn doni sian tutan atenton al la jenaj :

REKOMENDOJ PRI LA LANDNOMOJ

1. Pro respekto al la tradicio, kaj en pacema spirito, ni deklaros, ke landnomo estas taŭga, se ĉiuj aŭ la granda plimulto senkonteste uzas la saman formon.

2. En okazo de konflikto inter du aŭ pluraj formoj por unu sama landnomo aŭ inter la uzo de kategorio aŭ la alia por unu sama radiko, la Akademio rekomendas preferi la plej internacian landnomon kaj tiel obei al la 15-a Regulo de la Fundamento.

3. La Akademio rekomendas konsideri, ke la signifo-rilatoj inter la landnomoj kaj la koncernaj landano-nomoj ĉiam estas principe la samaj, kiu ajn estas la kategorio de la landnomoj. Ekz-e, Angl-ujo/-io — Angloj kaj en la alia kategorio Nederland-o — Nederland-anoj.

4. Principe estas malrekomendite nove formi nomon per iu internacia „sufikso" aŭ sufikse uzata fremda vorto (-io, -/i/stano, ...), se la tiel ricevita land-nomo ne jam ekzistas internacie.

**Rimarkoj de la Prezidanto :**

1. Per tiuj rekomendoj la Akademio esperas marki la finon de la diseriga tendenco en la landnomoj. Devus instaliĝi tendenco al unuecigo farita sur sana bazo tradicia kaj Fundamenta.

2. Ni memorigas, ke la Akademio jam publikigis liston de 32 landnomoj kaj de 15 landano-nomoj en la Oka Oficiala Aldono al la Universala Vortaro (Aktoj de la Akademio, II, p. 13-14). Tiuj nomoj aldoniĝas al la kelkaj nomoj troveblaj en la Fundamento. Ĉiu disciplinema Esperantisto severe atentos tiujn listojn.

3. La Akademio ne intencas oficialigi pliajn nomojn. Sed ĉar oni diversflanke petis tian paŝon, ĝi decidis anstataŭe starigi liston de „normaj" landaj kaj landanaj nomoj, kiu povos subiĝi al revizio, kiam necesos.

*A. A.*

# KONCIZA INTERVJUO KUN BALDUR RAGNARSSON

**LG** : – Permesu unue kontroli ĉu estas vera kion ni scias pri vi : vi estas islandano... (islandano, jes), vi vivas kaj laboras en Islando...
**B.R.** : – Jes mi estas gimnazia instruisto pri islandaj lingvo kaj literaturo...
**LG** : – Kaj via aĝo, ĉu mi rajtas ĝin...
**B.R.** : – 55.
**LG** : – Vi instruadas do de ĉirkaŭ 20 jaroj...
**B.R.** : – De 30 jaroj, venontjare, mi komencis tre frue.
**LG** : – Via tuta kariero do estis instruado?
**B.R.** : – Preskaŭ, jes, sed intertempe mi laboris dum kelkaj jaroj en la ministerio pri edukado, kie oni komisiis al mi la revizadon de la instruado de la gepatra lingvo sub la deviga lernostadio en Islando. Tie mi laboris dum ses jaroj.
**LG** : – Ĉu en Islando la tuta instruado estas en la islanda lingvo?
**B.R.** : – En la islanda lingvo, jes, precipe, sed oni komencas instrui du fremdajn lingvojn tre frue, la danan kaj la anglan, kiujn oni jam komencas en la elementa stadio.
**LG** : – Ĉu ĉi tio ne minacas la estontecon de la islanda kulturo?
**B.R.** : – Laŭ mia opinio tio ja estas iom riska afero. Ni multe pripensadas pri tio precize nun. Estas iom tro frue komenci instruadi fremdajn lingvojn antaŭ ol la lernantoj plene regas sian propran lingvon. ...
**LG** : – De kiam vi parolas Esperanton?
**B.R.** : – Mi eklernis Esperanton kiel 18-jarulo...
**LG** : – Kaj de kiam vi verkadas?
**B.R.** : – Mi komencis verki en ..56. se mi ĝuste memoras mia unua poemlibro aperis en ..59. : „Ŝtupoj sen nomo", kaj ĉiam poste mi multe okupis min pri literatura agado en E-o, kaj aperigis alian originalan poemaron : „Esploroj", en ..74., se mi ĝuste memoras, ankaŭ tradukojn kaj mi ankaŭ multe verkis en la islanda lingvo, kaj poemlibrojn kaj multe da lernolibroj.
**LG** : – Do, kiel poeto vi estas dulingva?
**B.R.** : – Jes, oni povas diri.
**LG** : – Ĉi tiu estas iom ĝena demando : ĉu vi sukcesas en la islanda lingvo samkiel en E-o? Mi elmetas ĉi tiun demandon tial, ke iuj diris, ke niaj verkistoj verkas en Esperanto, kiam ili ne kapablas sukcesi nacilingve.
**B.R.** : – Mi opinias, laŭ la recenzoj favoraj, ke jes, kaj mi apartenas al la verkista asocio de Islando. Kaj miaj lernolibroj estis vere sukcesaj. Oni uzas ilin grandkvante en la lernejoj.
**LG** : – Ĉu la marketo ne estas tro malgranda en Islando; estas kiom da Islandanoj?
**B.R.** : – Kvaronmiliono.
**M. Führer** (intervenante) : – Estus interese ekscii kie estas pli facile vendi librojn, ĉu en Islando aŭ en Esperantio?
**B.R.** : – En Islando, verŝajne.
**LG** : – Ĉu ni rajtas konkludi, ke estas pli da homoj kapablaj legi literaturon en Islando ol en Esperantio? Ni scias, ekzemple, ke la filozofia revuo SIMPOZIO, malfacile trovas centon da homoj, kiuj legadas filozofiajn tekstojn en Esperanto. Ĉu ĝi trovus pli da legantoj en la islanda lingvo?
**B.R.** : – Eble jes, tamen... **ne ekzistas filozofia revuo en la islanda,** sed ekzistas tamen societo de filozofoj, sed ili ne eldonas revuon.
**LG** : – Ĉu vi verkis ĉiam poeziaĵojn, ĉu la prozo tute ne interesas vin?
**B.R.** : – Jes, nur poeziaĵojn, almenaŭ kiam temas pri krea verkado, ne pri tradukoj... La poezio estas pli konforma al mia pensado, verŝajne.
**LG** : – Ĉu vi jam verkis poeziaĵojn en proza formo?
**B.R.** : – Jes, mi faris tion. Mi verkis prozpoemojn, precipe en la islanda lingvo, ankaŭ en Esperanto. Antaŭ kelkaj jaroj, dum la Stokholma kongreso, mi faris prelegon pri la proza poeziaĵo en E-o. ...



*Baldur Ragnarsson, akademiano*

Multe interesas min ĉi tiu formo de poezio. Ĝis nun oni ne tro uzis ĝin en E-o, mi faris tion iomete...
LG : – Ĉu en E-o ni havas pli da poeziaj rimedoj, ol en etnolingvoj?
B.R. : – Estas iom malfacile kompari, tamen estas evidente, ke E-o estas pli fleksebla, ĝenerale parolante, ol la naciaj lingvoj. Ĉar en la naciaj lingvoj ĉiam estas danĝeroj pri esprimoj, pri idiotismoj, kaj la vortado estas ofte tre strikta, kiel en la angla lingvo. Esperanto havas certe pli da flekseblеco, pli da rimedoj de esplorado pere de la lingvo, pli ol en naciaj lingvoj. Mi eĉ spertis, ke pere de E-o oni povas eltrovi iun ideon, pri kiu antaŭe oni tute ne pensis.
LG : – ... la lingvo gvidas vin?
B.R. : – La lingvo estas via ŝlosilo al la pensado... /.../ .
LG : – Kion vi pensas pri la rolo de la Akademio en la movado?
B.R. : – Iuj opinias, ke Akademio devas nur observi, gardi la Fundamenton, ktp., konservi la esencajn principojn, kiuj regas en la lingvo. Tamen, estas la fakto, ke ekzistas sekcioj en la Akademio : sekcio gramatika, sekcio fonetika, ktp., kaj evidente ili devas havi iun taskon. Sed pri kiuj taskoj temas? Mi opinias, ke unuopaj sekcianoj, eventuale, devus kontribui en iu bulteno pri siaj fakoj, **nepre mankas iu organo al la Akademio por aperigi tiujn studojn.** Do mi opinias, ke la Akademio samtempe devas observi la lingvon, esti gardanto de la Fundamento, sed ankaŭ kontribui laŭeble al la evoluigo de la lingvo pere de studoj, pere de analizoj de certaj aspektoj kaj de la literaturo kaj de la lingvo mem.
LG : – Por koopti la membrojn, ĉu oni devas elekti nur valorajn verkistojn aŭ valorajn gramatikistojn?
B.R. : – Mi opinias, ke jes, ĉar efektive apartenas al la Akademio multaj homoj, kiuj ne havas specialistajn kvalifikojn, kiuj estis elektitaj pro aliaj kaŭzoj, verkistoj, ekzemple, kiuj ne havas iun sciencan bazon pri literaturo. Do, se la Akademio volas esti aktiva, ĝi eventuale povus ekhavi la helpon de aliaj homoj ekster la Akademio.
LG : – Laŭ vi ĉu estas imagebla, – mi nur volas fari tiel nomatan "enmensan eksperimenton", – ke iam homoj kiel Karol Piĉ aŭ Luis Mimo enirus la Akademion?
B.R. : – Mi ne povas komenti pri ĉi tio. Mi trovas stranga, kiam akademianoj alprezentas iun novaĵon, kiu kontraŭas la Fundamenton. Ni havas atestojn pri tio. Ekzemple la ideoj de Karolo Piĉ enkonduki novajn strukturajn vortojn en E-on estas frenezaj, mi opinias. Mi ne parolas ĝenerale pri neologismoj, nur pri strukturaj vortoj.
LG : – Aliflanke estas S-ro Mimo, li tute ne kontraŭas la Fundamenton, li nur alimaniere interpretas ĝin...
B.R. : – Kompreneble la homoj devas havi la liberecon kaj la permeson tion fari.
LG : – Sed ĉu li povus fari tion interne de la Akademio?
B.R. : – Apenaŭ, laŭ mia opinio. Homo devas havi la permeson fari siajn eksperimentojn...
LG : – Ĉu estas la Akademio, kiu devas doni ĉi tiun permeson?
B.R. : – Ne, ne, ne... Ili ne bezonas peti la permeson de la Akademio; kompreneble ne, **la Esperantistoj estas liberaj,** sed se la Akademio konsideras tiajn verkojn iel danĝeraj al la Fundamento kaj al la evoluo de la lingvo, ĝi devas atentigi kaj fari decidojn.
LG : – La kolonoj de LG estas prioritate apertaj por la publikigo de ĉiuj atentigoj, decidoj kaj studoj de la Akademio kaj de la Akademianoj. Ni dankas vin pro viaj respondoj. Ni atentigos niajn legantojn, ke niaj intervjuoj estas rektaj, perparolaj kaj nepreparitaj de la intervjuito, kiu, en tiaj cirkonstancoj povas erari, kaj kiu rajtas sin korekti skribe en venonta numero.

*LG = EdZ*



## ĈU EN VIA ESPERANTO NE MANKAS UNIVERSALECO ?

*Luis Mimo*

Ni ne ŝvebas en nemateria spaco kvazaŭ anĝeloj, kaj pro tio la krudaj faktoj determinas niajn farojn multe pli ol nia libera volo. Pro tio la problemo de universala helpa lingvo ŝajnas nesolvebla kontentige. La sperto montris ke apriora, pure arta, aŭ t.n. filozofia lingvo en la praktiko ne taŭgis, des malpli taŭgus pazigrafia. Necesis kreo, laŭ la klara intuo de Zamenhof, el la naturaj, vivantaj lingvoj; sed, el kiuj lingvoj? Franco loĝinta en Norda Afriko asertis al mi ke neniam mahometanoj akceptus lingvon alian ol la koranan, kio probable estis nur individua opinio; sed, evidente, la araba lingvo okupas vastan spacon en la mondo kaj en la monda historio; kaj kion diri pri la ĉinaj kaj la japana lingvoj? Laŭ la nombro de la homoj, la internacia lingvo devus esti plejgrandparte azia.

Evidente, Zamenhof kreis Esperanton esence eŭropa, kvankam ŝajne ĝia strukturo gramatika havas iujn aziajn elementojn, se oni konsideras ke

la eŭropaj lingvoj devenas de la hindeŭropa, kiu havis multon de la hinda, kaj, krome, ke la rusa lingvo etendiĝis almenaŭ kiel dua lingvo, ĝis la lastaj limoj de Siberio, kaj ke post la malkovro de Ameriko kaj Aŭstralio la eŭropaj lingvoj fariĝis ankaŭ tieaj, estas klare ke la verko de Zamenhof ne naskiĝis malbonbaza, en loko ne adekvata. Kompreneble, li ne povis elekti alian materialon, pro la fakto ke liaj scioj havis limojn, kaj tial li ne havis alternativon.

Se temas pri regula kaj logika Esperanto, estas malfacile imagi sintakson pli simplan kaj same perfektan. Certe, ke iuj neas la logikon en la lingvo de Zamenhof, kion ja serioze ili ne povus fari, sed ĉu iu povus pretendi ke, en iu ajn lingvo arte kreita, la reguleco ne estas nepra kondiĉo? Intence krei malregulan lingvon estus malsaĝe, neracie, kaj Zamenhof, kvankam ne erarimuna profeto, estis homo saĝa kaj racia. Kaj lerni la fundamentan gramatikon estas facile por ĉiuj normalaj homoj el ĉiuj landoj de la Tero.

La problemo troviĝas nur en la vortaro, kiu, kiel la penso kaj la vivo, transiras ĉiujn limojn. Propre ekzistas du lingvoj : la komuna kaj la scienca. Tial ke estas neŝanĝebla fakto ke Esperanto estas internacia nur tiom, kiom tiu ĉi difino koncernas la eŭrop-devenajn lingvojn, devus esti esenca premiso ke ĝi laŭeble havu ĉiukaze unu solan radikon por ĉiu primara koncepto, kaj ke oni derivu el la primaraj, kies nombro apenaŭ devus superi mil en la komuna lingvo, la sekundarajn, por ke ĉiu homo povu facile kompreni ĉion. Sendube tion revis Zamenhof, kvankam jam li mem kelkfoje devie ekscesis pri tio.

Por li latinidlingvuloj, kvankam ne ĉiuj vortoj de E-o estas latindevenaj, la lerno de la baza vortaro estas facila, kaj kredeble lerno de mil radikoj ankaŭ por ĉinoj, japanoj aŭ araboj estas ne ekstreme malfacila. Oni povas konsideri ke, ĝis ĉi tiu punkto, la lingvo de Zamenhof estas la plej bona ebla solvo en la nunaj cirkonstancoj.

Sed, ŝajne, tia, nia arta lingvo restas por ni tro arta; por hispano, pli arta ol la franca, la itala aŭ la portugala, precipe pro la bezono uzi kunmetitajn vortojn anstataŭ simplaj. Por ni estas pli facile uzi sinonimojn, kiujn ni jam konas, ol eltrovi la ĝustan solan vorton por la esprimota ideo, des pli se tiu ĉi estas kunmetita aŭ kunderivita, kaj pro tio ke, ĝenerale ni pensas traduke, ni volus uzi ĉiuokaze la saman radikon, kiun ni tradukas. Tiel nia literaturo ŝajne pliriĉiĝas kaj aspektas antaŭ niaj okuloj pli klera, pli intelekta, pli "moderna". Tiu ĉi estas la tendenco, preskaŭ oficiala, kiu brile progresis, kaj kontraŭ kiu mi nenion dirus, se ju pli ĝi hejmigas al ni Esperanton, des pli ĝi ne fremdigus ĝin al la popoloj, kiuj jam "ĝuis" ĉiujn malavantaĝojn, se ĝi ne maluniversaligus la lingvon. Ĉu ankaŭ la esperantistoj havu imperiismajn emojn de hegemonio? "Tristigas" nin, aŭ malĝojigas, aŭ malgajigas, trovi en PIV vortojn tiajn, kiaj *interioro, kovarda, lapidara, levrelo, linda, loza, matroso, mava, miksturo, minaca,* ktp, ktp, kiuj tamen feliĉigas kelkajn "literaturistojn". Kial necesas la "teknikaj" sinonimoj **leviero**, levilo, levostango, **komputero**, komputilo, komputmaŝino, transformatoro, transformilo, kondensatoro, kondensilo, kondensmaŝino, falĉatoro, falĉmaŝino, karburatoro, karburilo, akumulatoro, akumulilo, k.c.? Aŭ kial ne, pli regule ankaŭ **levatoro** kaj **komputatoro**, kaj eĉ segatoro, fajlatoro, teksatoro, tornatoro ktp, ktp, senlime?

Malsama afero estas, kiam temas pri sciencaj vortoj. Unue, ĉar ilin ne bezonas lerni la komunaj homoj, sed nur la profesiuloj; due, tial ke, bedaŭrinde, tiuj terminoj, plejofte grekdevenaj, ne formiĝis sisteme en perfekta derivado, kiel la Esperantaj, sed estus katastrofe voli ilin ŝanĝi, tial ke ili fariĝus strangaj kaj fremdaj al ĉiuj; trie, pro tio ke estas fakto ke la moderna scienco disvolviĝis precipe en Eŭropo, kaj ke Eŭropo disradiis ĝin al la ceteraj mondpartoj kun la eŭropa terminaro, kaj pro tio, kredeble, "reguligo" ne utilus eĉ al neeŭroplingvuloj.

Estas necese meti en la vortarojn la nomojn de multaj miloj da plantoj, pro la fakto ke ili ekzistas, kaj kiu ne scias ke ĉi-rilate estas internacie gvida la latino? Ties influo ne malutilas, ĉar tiuj nomoj ĝenerale oni ne scias eĉ en la gepatra lingvo, kaj se necese bona vortaro donas ilin en Esperanto.

Resume, en la literaturo, en la komuna lingvo, konvenas uzi laŭeble kunmetitajn vortojn anstataŭ neologismojn, kaj forĵeti, eviti kiel plagon la eraran ideon, ke abundo de radikoj pliebligas Esperanton. Ne nepre necesaj neologismoj malinternaciigas ĝin kaj atencas kontraŭ ĝia spirito de universaleco.

*Luis Mimo*




# METROPOLITENO
## de Vladimir Varankin

La lasta paĝo, kiun ni komentis, rakontis mitingon, dum septembro 1928. en la germana kamparo apud Berlino. Temis pri balotkampanjo kiun la komunistoj centrigis sur malkonsenton pri tutnova kirasŝipo. Hodiaŭ ni komentas la duan duonon de ĉi tiu mitingo.

Vitalij, juna rusa inĝeniero, ĉiam rakontas, dum la ĉefrolulino, Alice Berg, klopodas ekdirekti la mitingon favore al la Komunista Partio (K.P.) de Germanio, kontraŭ la socialdemokratan sindikaton.

*Alice indignas pri konduto de l'socialdemokrataj ministroj, voĉdonintaj por la kirasŝipo kaj postulas pli grandan aktivecon flanke de la senpartiuloj. Ŝia parolado estas multfoje interrompata. Apenaŭ ŝi finas kaj la restoracio iĝas areno de la plej kruda batalo.*

*— Mi miras, — krias unu laboristo, — kiel socialdemokratoj toleras en sia medio tiajn perfidulojn, kiel Müller! Oni devas jam delonge forpeli lin al diabloj kaj stampi lin, kiel friponon!*

*— Ne estas pli bona via Thälmann! — sufokiĝante pro la kolero penas mallaŭdigi lin, kriegante, ŝvita kaj ruĝa loksindikata sekretario. Li malsanas astmon, kaj estas malfacile al li kriegi. — Via Thälmann kaŝas ŝtelistojn kaj labormono de laboristoj estas metata en poŝojn de friponoj kun komunistaj partibiletoj! **



**Thälmann en 1927 laŭ foto de Paris Match**

*— Mi postulas respekton al kamarado Thälmann! — denove krias la unua, — neniu kuraĝas diri pri Thälmann ion malbonan! Estas pruvite, ke li ne partoprenis la Hamburgan aferon!*

*— Se ne partoprenis, kial do CK faris al li riproĉon?*

*— Ne via afero estas, sinjoro oficisto! Vi uzas niajn erarojn, por kaŝi krimojn de viaj propraj gvidantoj!*

*La sindikata sekretario rapide traŝovas sin al la tablo kaj ion flustras al Rudolf. Rudolf estas konsternita. Li penas ion kontraŭdiri. Tiam la sekretario tiel altigas la voĉon, ke estas klare aŭdeblaj la vortoj :*

*— Se vi tuj ne ĉesigos la kunvenon, ni eksigos vin el la sindikato!*

*Rudolf estas ege maltrankviligita. Li tuŝas la sonorilon.*

*— Kamaradoj! — krias li, — ĉar la kunveno deflankiĝas de la tagordo, mi fermas ĝin!*

*Li, la unua, surŝovas la ĉapon kaj ekiras al la pordo. Post li sekvas ankoraŭ kelkaj personoj. Sed lian lokon tuj okupas Alice. Ŝia voĉo haltigas la ĉeestantojn. En diversaj anguloj aŭdiĝas fajfoj kaj indignaj ekkrioj :*

*— Fi! Malhonoro! Li diru, kion li estas farinta mem por batalo kontraŭ la kirasŝipo! Malhonoro! Malhonoro!*

*Denove oni fajfas.*

*— Savu la haŭton! Ĉesigu la laboron!*

*Alice fine trankviligas la salonon.*

*— Kamaradoj! — diras ŝi forte, — tute evidente, ke la komunista ĉelo havis malbonan gvidanton! Ĝi, tamen ne signifas, ke la kirasŝipon oni devas konstrui! Ĉu mi vin ĝuste komprenis?*

*Ŝi subite ridetas. Ŝin oni aŭskultas. Ŝi parolas ankoraŭ dek minutojn kaj alvokas la ĉeestantojn doni subskribojn kontraŭ la kirasŝipo. La kunveno finiĝis per kantado de la Internacio.*

*Mi estis revenanta la urbon, plena de granda, hela ĝojo!*

Oni devas precipe konsideri la rolantojn : unue la ĉefrolulino estas Alice Berg, agitistino por la K.P. Ŝi estas nepre agema, ĉiam sin intermetas tuj, kiam la kunveno deflankiĝas. Notu, ke Alice estas la subjekto de multegaj verboj.

Varankin valorigas ĉi tiun rolanton per senĉesaj agoj, kaj finfine per la sukceso. Kiel do evidentiĝas la sukceso de la kunveno? Unue per la kantado de la Internacio, kio montras ke oni restas en la ĝusta linio de la Komunista Internacio. Due per la granda, hela ĝojo, kiu invadas la koron de la rakontisto, Vitalij; ĉar Vitalij estas krome amanto de Alice.

Frunte al Alice rimarku, ke la aliaj rolantoj estas senvaloraj. Fakte Varankin karikaturas la loksindikatan sekretarion : li malsanas astmon, volas sed ne povas kriegi, decidas finigi la kunvenon tuj kiam ĝi evoluas malfavore al li. Tiu senvaloreco estas substrekita per la ekkrioj de la laboristoj : "Fi! Malhonoro!".






Rimarku ke la mallaŭdinda karaktero de la sekretario kaj de Rudolf, lia obeema kunkulpulo, evidentiĝas per la verbo "ŝovi" :

„la sekretario traŝovas sin al la tablo..."

"Rudolf, la unua, surŝovas la ĉapon..."

Rigardu PIV-on, kaj vidu malŝatajn signifojn :

1) puŝi objekton, glitigante ĝin sur la surfaco, sur kiu ĝi kuŝas;
2) pli-malpli krude aŭ malorde iun penetrigi, enpuŝi.

Tia movado elvokas la serpenton, simbolon de perfideco.

Do laŭ Varankin ne Thälmann kaj la komunistoj, sed Müller kaj la socialdemokratoj estas perfiduloj kaj devas stampiĝi kiel friponoj. La verkisto partianiĝas. Sed endas klarigi la historiajn faktojn. Tiucele la eldonistoj skribis noton en la malsupra parto de la paĝo :

* *En 1928 kelkaj funkciuloj de Hamburga Komunista organizaĵo malŝparis partiajn kotizojn por propraj bezonoj. Suspektita pri la intenca kaŝado de tiu ĉi krimo, k-do Thälmann estis riproĉita flanke de CK (Centra Komitato — LG) de la K.P. Germana. La Komunista Internacio esplorinte la aferon, konstatis absolutan senkulpecon de k-do Thälmann, nuligis la riproĉon kaj proponis al CK de la KP Germ. esti pli atentema en la aferoj, kiuj estas utiligeblaj kontraŭ la komunismo.*

Ni devas diri, ke la juĝado fare de la Komunista Internacio ne tute konvinkas nin, ĉar ni scias, per multaj spertoj, ke politikaj partioj ne povas senpartie juĝi, evidente.

**Konklude**, ni vidu, ke tiu romano centriĝas, fare de la verkisto, sur du ĉefideoj : unue, kiel ni vidis per nia unua studo, (p. 7-8.), homoj bezonas amon, absolutan amon, sen la malfacilaĵoj de miskomprenoj. Due, kiel ni vidas per la nuna paĝo, homoj bezonas pacon kaj solidarecon, kiujn nur Komunista Partio povas doni al ili.

Fakte la verkisto miksas du ideojn, ĉar Vitalij ne plu povas ami Olga-n, kiu dubas pri la Sovetia estraro, sed pli kaj pli amas Alice-n, kiu multe fidas la Komunistan Internacion. Do laŭ Varankin, la politiko kiel la amo, estas nepre afero de Kredo tiel ke oni povas diri, ke li estas idealisto, samkiel la Esperantistoj.

*J. L. Paccoud*

**Tasko:**

Kion vi pensas pri idealismo?

Ĉu ĝi trafas la veron, aŭ maltrafas ĝin?

Bonvolu sendi via(j)n eseo(j)n al LA GAZETO! Profesoro post ellegado akceptos aŭ malakceptos ĝin (ilin). Se via eseo estos akceptita, ni sciigos al vi ke vi gajnis unu poenton de NIA GIMNAZIO. Kvar poentoj rajtigos pri diplomo de la unua jaro de NIA GIMNAZIO. Dudek poentoj rajtigos pri STUDDIPLOMO PRI LA ESPERANTA LITERATURO garantiita de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj. Vi povas komenci, haltigi kaj rekomenci vian studlaboron iam ajn.

# LA GRAMATIK(L)A PUNKTO

## 2-a ELEMENTA STUDOPAŜO

„Nu, sagace ekkriis lernanto, kial nenia vokala karakterizaĵo ekzistas por la numeraloj, same kiel estas „O" por la substantivoj, „A" por la adjektivoj kaj eĉ „I" por la infinitivoj kaj personaj pronomoj?".

Ja, el la FUNDAMENTO §12 - La numeraloj.

Li promenas kun **tri** hundoj.
„Tri" estas **adjektivo** rilata al „hundoj".

„Du" homoj povas pli multe fari ol „**unu**".
„Du" estas adjektivo rilata al „homoj"; sed „unu" estas ja **pronomo** : unu (homo).

**Dek** kaj **dek** faras dudek.
„Dek" kaj „dudek" estas **substantivoj**, la nomoj mem de la koncernaj nombroj.

### APLIKOJ

Tiel la numeraloj povas ludi rolon...
- foje de substantivoj : **Kvin** kaj **sep** faras **dek** du.
- foje de adjektivoj : **Sesdek** minutoj faras unu horon...
- foje de pronomoj : Kiom da paĝoj vi legis? – **Tri**.

Kio klarigas, kial ili ne povas havi karakterizaĵon, kaj kial ili facile estas antaŭitaj de prepozicioj : Kiom da tagoj vi restos kun ni? – **Ĉirkaŭ tri**.

La plej ofte uzataj prepozicioj estas : **ĉirkaŭ, ĝis, inter, po, super.**

Juna homo de **ĉirkaŭ dudek tri** jaroj.[z]
Li povis kuŝi **ok ĝis naŭ** jarojn.[z]
Mezalta staturo havas **inter 160 kaj 170** cm.[piv]
Mi kudfadas **po 10** horoj ĉiutage por 20 spesdekoj.[z]
En la konferencon venis **super mil** homoj.

EKZERCO:

1 - Mi ne ekzakte scias lian aĝon : li verŝajne estas de ... 30 jaroj.
2 - La domoj havis 2 ... 3 etaĝojn da alto.
3 - La vojo en la vilaĝo estas nur ... 5 kaj 7 metrojn larĝa.
4 - La somera kurso daŭros 20 tagojn ... 3 horoj.
5 - Ĉu en ĉi tiu jaro multaj homoj sukcesis en la supera ekzameno? – Ho, jes, pli ol en la antaŭa jaro : ... 100!

SOLVO:

1 - de **ĉirkaŭ tridek** jaroj, 2 - **du ĝis tri** etaĝojn, 3 - **inter kvin kaj** sep metrojn, 4- **dudek** tagojn **po tri** horoj, 5 - **super cent.**

# $1 + 1 \overset{?}{=} 1$

- Ĉu multekostas veturado el Francio ĝis Togolando ?
- Ĉi tio dependas de la komforto, kiun postulas la vojaĝanto.
- Nu ŝajne dum via unua veturado, per malgranda R4[5], vi ne postulis tro da komforto. Kiom kostis via veturado ?
- Nu, ni kalkulu ! Mi aĉetis malnovan R4-aŭtomobilon je 3000[3] Fs. Sed por prepari ĝin mi devis aĉeti ruinaĵon de samtipa veturilo. Mi pagis por ĝi 1000[3] Fs. Poste mi laboradis dum du semajnoj por fari el du aŭtoj unu veturkapablan. Mi formetis tri el la kvar seĝoj, konservis nur la seĝon de stiranto, kaj metis dormotabulon apud ĝi, laŭlonge de la dekstra flanko. Sub la dormotabulo mi antaŭvidis lokon por kvin ĵerikanoj[1] 20-litraj. Ĉi tio estis eraro. La planko de la veturileto ne estis konceptita por elporti 100 kilogramojn sur trakoj[2] .
- Ĉu vi ekhavis malagrablaĵojn pro tio ?
- Jes, la planko disiĝis de la karoserio, lasante grandan fendon tra kiu la polvo eniris kaj miaj aferoj eliris. Aldone mi ne plu kapablis korekte fermi la pordojn.
- Kiom kostis la 5 ĵerikanoj ?
- Normale po 120 frankojn, sed dank'al amiko, armeano, mi pagis por ili entute 150[3] frankojn.
- Kaj la ŝparpecoj, nutraĵoj, mapoj kaj aliaj necesaĵoj ... ?
- Ili kostis ĉirkaŭ 3000[3] frankojn, se mi enkalkulas mian kompason, sed sen la prezo de miaj du fotaparatoj kaj de la filmoj.
- Ho, ĉi tio min interesas : kiajn filmojn oni devas kunpreni kaj kiel konservi ilin ? Sed antaŭe ni finu la kalkuladon de la preparelspezoj !
- Ni devas kompreneble aldoni la monsumon, kiun mi kunprenis, tio estas 5000[3] frankojn. Do entute 3000 + 1000 + 3000 + 5000, (neglektante la prezon de la ĵerikanoj) estas 12000. Forirante mi devis jam havi 12000[3] frankojn. Dum la 6 monatoj de la veturado mi ricevis tri foje monon el Francio, entute 6000 frankojn. Mia unua vojaĝo kostis do 18000[4] frankojn kaj iom da sano.

1.-ĵerikano: skatolforma, ĝenerale 20-litra, lada ujo por benzino, gasoleo aŭ akvo.
2.-trako: vojeto, ĝenerale aĉa, polva kaj danĝera.
3.-ĉirkaŭ 446 EKs, 149 EKs, 22 EKs, 446 EKs, 744 EKs, 1785 EKs.
4.-ĉirkaŭ 2700 ekuojn.
5.-aŭtomobilo RENAULT el la serio "4", kun 1-litra motoro.

(DAŬRIGOTA)



*Kameldanĝero!*



*La veturilo de la unua vojaĝo*



*150 km norde de Niamey (Niĝerlando)*